# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

## HEF

(Informado kaj Administrado)
Federación Española de Esperanto
(Información y administración)

c/ Rodriguez de San Pedro
13, 3°, p-7.
28015 MADRID
Telefono: (91) 446-80-79

## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Manuel López Hernández
*Vicprezidanto*: Alberto Franco Ramirez
*Vicsekretario*: Luis Gil Pérez
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)

## *Ĉef-redaktoro*

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27-29, 9° C.
50002 ZARAGOZA

## *Redaktoroj kaj kunlaborantoj*

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz
Antonio Valén Fernández


*Kovrilo:*
Kongresanoj ĉe la pordo de la kongresejo.

*Noto:*
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

**ENHAVO**

Ho vi, urb'el miaj revoj,
kiom mi al vi admiras!
Certe mi ne vin forgesos
eĉ se de vi malproksima:
l'arboj kiuj vin ĉirkaŭas,
via val' klarverde riĉa
ŝajnas kvazaŭ bel-mantelo
de l'river' kapric-tondita!

Abu Amr ibn Fallâs (XI jc)

# PROFILOJ DE LA 52-a HEF-KONGRESO.

Kiel diris tiu loka ekstremadura poeto, ankaŭ ne ni, la hispanaj esperantistoj, facile forgesos la iaman Emerita-Aŭgusta, nuna Merido, ĉirkaŭata de klarverda valo kaj gardata de olivarboj kun la ĉiam deĵoranta Gvadiano. Kaj ni ne ĝin forgesos, ĉar tie, okazis unu el la hispanaj kongresoj plej altnivelaj de la lastaj jaroj. Unuafoje, junaj novaj valoroj kongresas kun la ceteraj esperantistoj kaj dank' al ilia kontribuo ne nur riĉigas kaj plikvalitiĝas niaj kongresoj, sed ankaŭ senteblas la deziro renovigi niajn strukturojn kaj plifirmigi niajn celojn. Kun ĝojo mi povas anonci, ke pozitivaj alportoj jam efektiviĝis en tiu direkto. Ni atingis novan stadion kaj mi optimismas pri nia tuja estonto. Sed tio tute ne signifas, ke ĉio estas farita: oni bezonas ĉies kontribuon kaj ardan strebadon por atingi nian renovigon.

Momente, la tuja sekvo post la efektiva enviciĝo de juna generacio ene de la Federacio kaj ankaŭ en la kongreso estis, ke la programeroj fariĝis pli longaj kaj la tagoj terure maldikiĝis: mankis tempo por ĉio kaj la kongresprogramo devis suferi drastajn ŝanĝojn por adaptiĝi al pli longaj debatoj, kiuj postulis novajn rekondukojn de la originalaj planoj... La impeta sango junula rompis malnovajn muldilojn kaj malkovris novajn irendajn vojojn. La Prezidanto Alonso devis multe improvizi kaj strebi por meti mallarĝan veston al subite tro kreskinta infano. Nova etapo malfermiĝas antaŭ ni kun la perspektivo de mil esperoj...

Sed mi estus tre maljusta se mi finus ĉi tiun unuan profilon de nia kongreso sen mencii la meritoplenan laboron de Francisco Cabezas, prezidanto de la OKK. Preskaŭ unusola organizanton, li preparis la infrastrukturon de la kongreso, konvinkis la unuajn urboaŭtoritatojn por subvencii ĝin kaj eĉ interesigis ilin pri la esenco de nia celo. Tio ne nur estas nefacila, sed alproksimiĝas al miraklo, ĝuste en tempo kiam mirakloj ne plu ekzistas. Kaj tamen li tion atingis!

Dankon, amiko Cabezas, koran dankon!

**Ĵaŭdo**
**30-a de aprilo**

Dum la tuta mateno okazis la akcepto de gekongresanoj kaj disdonado de dokumentoj. Tiuj estas ĉiam magiaj horoj: rekontiĝas malnovaj amikoj venintaj de la plej apartaj regionoj. Interkonatiĝas aliaj florantaj novaj amikecoj... vibris do en la aero la emocio pri agrablaj impresoj!

Posttagmeze ne okazis la anoncita estrarkunsido, sed kompense multobliĝis la privataj kunsidoj inter estraranoj, urĝe bezonataj pro la manko de oftaj personaj kontaktoj inter ili laŭlonge de la jaro, ĉar ili loĝas en malsamaj urboj. Oni bezonas iom pli ol nura volo por superi tiun seriozan baron de la distanco por la necesa kunlaborado.

Poste prelegis la prezidanto Alonso pri temo rilata al sia profesia fako: "Demografiaj kaj laboraj perspektivoj en nia epoko". Sin helpante per afiŝoj, grafikaĵoj kaj ĵurnal-eltondaĵoj pendantaj unu apud alia sur la muro, li skizis unue pri la fakto, ke de la plej antikvaj tempoj ĝis antaŭ nemultaj jardekoj, la homaro luktadis kontraŭ la aŭtomatajn fortojn de la Naturo: unuflanke, naskoj abundegis, kaj aliflanke, la senkompata falĉilo de trofrua morto evitis la danĝeron de ekscesa nombro da personoj en la mondo. Depost nelonge, la ekonomia kaj sanitara progresoj sukcesis bone eviti la trofruan morton, kaj tial ni venas al nova situacio: aŭ oni limigas la naskokvanton, aŭ oni venas al la danĝero de eksploda kresko de la loĝantaro (kaj ambaŭ alternativoj nuntempe ekzistas en diversaj malsamaj landoj, eĉ en tiuj kie la limigo de naskado iĝis ekscesa kaj neprudenta; eĉ en regionoj tradicie multenaskaj kaj elmigremaj, en kiuj nun okazas jam eĉ enmigrado de alilandaj homoj).

Li montris, ke misa terminologio nomas "maljuna" la nunan loĝantaron de Eŭropo kaj de aliaj mondopartoj, sed ke la korekta kvalifiko estus "loĝantaro matura, en ekologia ekvilibro kun sia ĉirkaŭo"; ke ĉiukaze la loĝantaro labortaŭga estas 60% el la tuto, kaj ke sur tia bazo ĉiu unuopa socio devus munti sian produktosistemon kaj kunvivadon. Cetere, la sanitara kaj ekonomia progreso estas plia parto de multe pli ĝenerala progreso en scienco kaj tekniko, en produktado, en produktivo. Ankaŭ tio trudas la bezonon gardi ekvilibron por eviti ekscesojn de produktado kaj de stulta konkurenco inter produktantoj en mondo ĉiam pli intense riĉiĝanta.

Tiel Alonso alvenis al la lasta parto de sia prelego kiu rilatis la nunan situacion en Hispanio, kun troa senlaboreco kadre de relativa riĉeco kaj abundo,

sociaj protestoj, k.s.; nur de nia (mal)saĝo dependas, ĉu la progreso konsistigos la deziratan benon por ni ĉiuj, aŭ ĉu ni eĉ "sukcesos" ĝin aliigi al malbeno.

La prelegon sekvis vigla debato, kaj montriĝis, ke ni bezonus multe pli da tempo por adekvate pritrakti la temon. Same kiel en ĉiu alia okazo, aŭdiĝis proponoj pri starigo de HEF-seminarioj, kiujn aranĝu la interesitoj mem: ja dum kongresaj prelegoj eblas nur ekfrandi ĉiun unuopan temon, sed ne ĝin malvolvi plene.



Ĝustatempe okazis la prezento de la kongreso al la ĵurnalistoj kaj al aliaj profesiuloj pri la informado. La prezenton faris la urbestro mem S-ro Antonio Vélez Sánchez, en sia oficiala ejo, kune kun nia prezidanto Alonso. La urbestro substrekis "la gravecon kiun -li konstatas- havas nia movado, kaŭzo unua por la decida apogo de la urbestraro al la kongreso. La lingva problemo estas ja tre grava kaj sendube jam fariĝis la problemo de nia epoko pro la ĉiutaga bezono de interkomunikado; Esperanto estas avangardo por la racia solvo de tiu problemo, -sendepende, ĉu la internacia lingvo atingos aŭ ne ĝeneralan uzon-". Li proponis al ĉies konsidero la fakton, ke nuntempe oni entuziasme sekvas difinitan vojon, kiu favoras -kiel en ĉiuj antaŭaj okazoj- difinitan imperiismon, kaj por tio oni ne domaĝas proprajn monon, tempon, laboron, instruistojn, lingvospecialistojn, leĝojn, ktp. Tamen, kio do okazos se iam la imperio malaperos, jen kun, jen sen anstataŭanto? Ĉu estas saĝe plui la nunan vojon?

La ĵurnalistoj faris la kutimajn demandojn, la televidistoj filmis... Ĵurnaloj, radio kaj televido informis detale kaj objektive -ankaŭ laŭde- pri la kongreso al la publiko, kaj oni prikomentis la rolon de Esperanto.

Venis tuj en la vico de prelegoj tiu hispanlingva de Prof. Rafael España Fuentes pri "Merido en la visigota kaj araba epokoj". La prelego trafe preparis nin plibone admiri kaj kompreni la kulturajn riĉaĵojn de la urbo kaj ties ĉirkaŭaĵoj. Ja Merido diskonatecon ĉefe dank'al siaj romiaj deveno kaj restaĵoj, sed malatenti la spurojn de aliaj ankaŭ tre riĉaj kulturoj kondukus nin al nekompletaj pritakso kaj admiro.

Forta aplaŭdo dankis la brilan prelegon de Prof. España.

Okazis ankaŭ la unua el la ankoraŭfoje tri sesioj de la kutima Esperanto-kurseto, gvidata de S-ro José Añó Belda. Ni komentos ĉi tiun punkton, kiam ni parolos pri la diplomoj.

Tiam komenciĝis la anoncita hispanlingva debato. Kvin personoj troviĝis sur la podio: nian prezidanton akompanis kvar universitataj profesoroj (unu pri franca lingvo, alia pri angla, tria pri filozofio, kaj kvara ankaŭ pri filozofio) Rolis moderiganto por la debato.

Unue parolis nia prezidanto anoncante, ke li faros malgrandan teston al la grupeto de ĉeestantaj universitataj studentoj. Por tio li sin turnis al ili per tre klara kaj malrapida angla lingvo, kaj petis de ili respondon al difinita demando. Nu, la studentoj nenion komprenis el la parolo, kaj la prezidanto devis traduki hispanen. Kaj tio konsistigis la bazon por plua debatado: montriĝis, ke malgraŭ tiom da elspezitaj kaj elspezataj tempo, laboro, mono, programo, profesoroj, seminarioj pri instruado de angla... tiuj studentoj ne povus aktive (eĉ ne pasive) partopreni debaton en la angla. El tio klaris, ke en la debaton povus veni nenia tamtamado pri ĝenerala kono de la angla lingvo -almenaŭ en Hispanio-.

El tiu ampleksa kaj riĉa debato ni citu nur du pliajn erojn: unu el la podianoj ja demandis -kutima demando- "Sed, kio, finfine, kuŝas malantaŭ Esperanto?". Tiun demandon plej trafe respondis Georgo Kamaĉo klarigante, ke kvankam malantaŭ si Esperanto havas jam unu jarcenton da historio kaj kulturo, tio tamen ne estas la ĉefa atuto, kaj ke ĉiuj kleraj homoj devus kutimiĝi fari al si la demandon, kion Esperanto havas antaŭ si. Kaj Kamaĉo aldonis multajn informojn, kiuj ja surprizis la nesciantojn kaj preparis la grundon al la konkludoj.

El la konkludoj ni citu nur jenan, pri kiuj konsentis ĉiuj ĉeestantoj inkluzive de la podianoj: negrave, ĉu oni fidas la estontecon de Esperanto aŭ ne, oni agnoskas -eventuale, unuafoje sciiĝas-, ke ĝi jam delonge konsistigas movadon, kreantan kaj perantan kulturon; ke ni tial havas rajton je atento fare de la edukaj kaj similaj institucioj ennaciaj kaj internaciaj, kaj ke estas devo de tiuj instancoj nin adekvate priatenti kaj helpi, precipe pere de programoj, kiaj Delta, Lingua, Erasmus, Comett, kaj similaj.

Aldone: prave plendis ĉeestantoj, ke la podianoj tro akaparas la paroltempon, kaj ke la moderiganto ne tranĉas decide ilian ekscesan parolfluon. Tio neebligas aŭdi pli da voĉoj kaj opinioj. (El tiu prava plendo ni tiru konkludon por pli bona organizado de aliaj debatoj aŭ similaj aferoj).

Tiun unuan tagon fermis tre brila prezentado de la folklora grupo "Nuestra Señora de la Antigua". La buntaj popolkostumoj de Ekstremaduro, la dancoj, la muziko kaj kantoj -jen viglaj, jen teneraj- ĉarmis nin ĉiujn. Elkoran dankon al ili!

Aldone al la programo, ekfunkciis en la posttagmezo de tiu ĉi tago la Libro-Servo, kiu, kiel en antaŭaj jaroj, atingis bonan vendosukseceon. Plej sinceran dankon al la deĵorantoj, gesinjoroj Hernández-Urueña.

**Vendredo 1-a de majo**

Matene, estrarkunsido. En la kongresprogramo ankaŭ okazis la kunsidoj de HALE kaj ILEI, pri kiuj la koncernaj asocioj informos per iliaj respektivaj organoj.

Brila, profunda, vere interesa por esperantistoj kaj studemuloj, estis la prelego de Georgo Kamaĉo. Ĝi meritas tute apartan kaj pli ampleksan lokon, ĉar malfacilas esprimi trafan opinion pri ties denso, suko, belo. Vera eseo nepre leginda, ĉar la oratoro, tuŝis abundegon da faktoj pri la konsisto de la lingvo, kaj la celo de verkado. La temo estas tiel interesa, ke ni petis de la preleganto la kompletan tekston por publikigo, eventuale en la venonta numero de "Boletín". Estas ja vera ĝuo por esperantisto aŭdi/legi ĝin!

Venis en la vico la prezento de libroj: unue oni prezentis la 40-paĝan libreton de Kamaĉo "Sur la linio" (Rakontoj kaj noveloj), eldonita de Bero en Kalifornio. Ĝi estas eta juvelo, leginda kaj legenda de ĉiu literaturamanto, kiel bone atestas la enkonduko kaj la postparolo, respektive redaktitaj de la esperantistaj moŝtoj F. de Diego kaj Artur E. Iltis.



Kvankam ne ĝuste nova, sed tamen plej freŝa, oni priparolis ankaŭ pri la "NOVA ESPERANTA KRESTOMATIO" sub redakto de William Auld. La alta valoro de la verko trudis prezenton, komenton kaj prilaŭdon; kaj fine sed ne laste, ankaŭ informon pri la ne tro konata fakto, ke en ĝi troviĝas novelo, kies aŭtoro estas Liven Dek, pseŭdonimo de nia kara kaj plurflanke aktiva Miguel Gutiérrez Adúriz. Ĝuste plia ekzemplo de tiu aktivado de Adúriz estas nova volumo de la scienc-fikcia serio "Sferoj", kiu jam atingis sian sepan numeron.

En tiu prezento oni priparolis ankaŭ diversajn aktualajn redakto-laborojn, kiuj ankoraŭ ne atingis la fazon de eldonado: plena traduko kaj adapto de la "Zagreba Metodo de Esperanto" (ankaŭ pri tio zorgas samideano Adŭriz) kaj preparo de pluraj kajeroj por la projekto K.E. (pri kio zorgas Alonso, Galadi, Urueña k.a.). Oni menciis ankaŭ la universitat-nivelan editoradon de la "Fundamento de Esperanto" far s-ro Alonso kun paralela traduko en la hispana.

En la plej granda salono de la kulturdomo okazis la solena malfermo de la kongreso: Podie, la urbestro, la prezidanto Alonso, la regiona direktoro de la Universitato de Merido S-ro Valentin Carrascosa kaj la kongresorganizanto S-ro Francisco Cabezas. Flanke sidis por sinprezento al la kongresanaro kaj al la prezida podio la plejparto el la verkistoj, muzikistoj kaj kantistoj, gesinjoroj: Adŭriz ("Liven Dek"), Camacho, Fernández, Galadi, Manero, Neves, Marco, Moyá, Urueña, Vargas ("Solo"), Villaroig, Abel Montagut, Valen (ĉi tiuj lastaj kvankam ankoraŭ ne alvenintaj estis ankaŭ menciitaj).

La prezidanto de la OKK S-ro Cabezas, dankis la helpon de ĉiuj institucioj (el kiuj pleje elstaris la urbestraro), tiel ke la tuta ĉeestantaro per aplaŭdo varme dankis tian apogon.

La Prezidanto Alonso parolis, unue en la hispana kaj poste ĉion ripetis en Esperanto, kun la celo, ke ankaŭ la ĉeestantoj nescipovantaj Esperanton povu kompreni, kaj ankaŭ konstati pri la fakta sono kaj konsisto de la interlingvo. En sia paroladeto li skize prezentis la laborojn kaj meritojn de la flanke-sidantoj, tiel por ke ili ricevu la dankon kaj aplaŭdon de ni ĉiuj, kiel ankaŭ por montri al la institucioj, ke Esperanto estas vere vivanta lingvo. Jen bazo por esprimi optimismon pri Esperanto mem, kaj ankaŭ pri tio, ke ne nur novaj kaj junaj fortoj venas en la movadon, sed ankaŭ ke temas pri meritoplena generacio, averaĝe eĉ pli kompetenta ol la matura generacio.

Venis la vico de la urbestro, kiu unue ripetis sian principan opinion favoran al niaj klopodoj (kion li jam diris ankaŭ okaze de la prezento al la ĵurnalistoj), kaj aldonis, ke li vidas konfirmiĝi, fakte pli ol li esperis, la promeson de la prezidanto dum la pli fruaj organizaj monatoj, ke ni faros ĉion eblan, por ke la kultura nivelo de la kongreso iĝu inda je la mondfamaj kulturaj aktivaĵoj en la urbo Merido. Kaj li insistis pri la fakto, ke atingo de 52-a kongreso estas atuto, kiun ni devas fiere montri al la institucioj, postulante ties atenton, ĉar ni fariĝis parto de la komunaj valoroj, eĉ se ni ankoraŭ ne venis al nia celo. Por montri sian aprecon al ni, li detale parolis pri la urbo-historio, pri ĝiaj avataroj tra la jarcentoj ĝis la nuna situacio, (ĉefurbo de la Aŭtonoma Komunumo de

Ekstremaduro) pri reviviĝo de ĉiaj aktivaĵoj laboraj, politikaj kaj kulturaj, tiel ke ankaŭ nia kongreso enviciĝas en la nuna agado kaj laborado.

Forta kaj ĝoja aplaŭdo dankis la malferman paroladon de la urbestro S-ro Vélez.



En la posttagmezo prelegis samideano Luis Serrano Pérez pri "Alitipa legado de Don Kiĥoto". La preleganto surprizis nin per sistema montrado de certaj aspektoj de la fama verko, en kiuj reliefiĝas la premado de potenculoj, riĉuloj, eklezio, ĝendarmaro, k.s. al la suferanta kaj ekspluatata popolo. Kaj tiaj okazoj tiom abundas tra la tuta verkaro ke la preleganto trovas la montradon de tiaj aferoj esenca celo kaj strukturo de la verko.

Forta aplaŭdo kaj vigla ekdebato ŝprucis: evidentas ke ni ne povas eskapi el la sociala influo de nia aktuala mondo, kaj samideano Serrano montris, ke tiu alitipa legado de nia universala verko meritas tian enprofundigan legadon por eltiri novajn konkludojn pri la sociala vivo de tiu epoko, ĝis nun probable ne sufiĉe studita. Bedaŭrinde, la tempomanko kaj la nepra postulo aliri en la sekvantan programeron malhelpis la daŭrigon de la debato. Evidentiĝis la bezono klare klare difini, kiuj el la nuancoj sociale interpretitaj de Serrano estas efektive tiaj.

Kaj jen ŝprucis peto: HEF eldonu kajerojn, samformatajn al "Boletín", kun la plena enhavo de la prelego-tekstoj, poemoj de la lirika festo (ankaŭ sonbendo kun la originala muziko de Pedro Villaroig), kantoj de la koruso "Verda Stelo", deklamado de poemoj, ktp. Se oni eldonos po unu kajeron por ĉiu prelego, la afero ne fariĝos tro kosta kaj tamen povos plifortigi la financan bazon de la Federacio, Fundación Esperanto, ktp.

Venis en la vico alia interesa prelego, tiu de Mª Rafaela Urueña, prof-ino pri Internacia Juro, kiu prezentis la ĉapitron "Origino kaj celoj de la Eŭropa Komunumo" el la lecionaro kiun ŝi redaktas pri la Eŭropa juro por la projekto "Internaciaj Preuniversitataj Somerkursoj en Esperanto". Ĉies atento kaptiĝis de la interesa kaj klara prezento, ekde la unuaj ideoj de Schumann, De Gasperi, Adenauer, Spaak ĝis la ĵusa traktato de Maastrich.

Kaj rimarkindas tio, kion ni jam plurfoje ripetis, la deziron debati, scii, informiĝi (eĉ pri proceduroj!), povo kaj efikeco de la Eŭropa Parlamento, ktp....

Pri tiu ĉi temo ankaŭ oni montris dezirojn okazigi seminarion, kvankam konkrete en tiu ĉi kazo oni invitas la interesatojn partopreni en la Preuniversitataj Kursoj.

La muzika kaj kanta koncerto de nia samideano Eduardo Vargas ("Solo") trovis eĉ pli grandan ŝaton ol en Sant Cugat. Unuanime oni opiniis, ke la enhavo kaj la formo montras evidentan progresan marŝon. Oni gratulis lin ne nur pro lia koncerto antaŭ ni, sed ankaŭ por la sukceso kiun li ĵus atingis en turneo tra Francio. Kaj ja endas aldoni ion tre gravan: "Solo" kuraĝis propprariske eldoni jam sian duan longdaŭran diskon en Esperanto. Kvankam la aĉetado ne sufiĉas por reakiri la investitan monon, jen almenaŭ aĉetoj abundetis. Tial estas rekomendinde aĉeti liajn diskojn ĉe la Libro-Servo aŭ rekte de li. Oni bone atentu, ke oni povas aĉeti ne nur por si mem, sed ankaŭ por donaco al amikoj aŭ konatoj, tiel por ilia propra ĝuo, kiel por evidente pruvi la vivantecon de Esperanto.

Substrekindas, ke tra la tuta kongresdaŭro, la urbestro de Merido plurfoje venis al la kongresejo por kunvivi kun ni diversajn programerojn kaj por kuraĝigi nin en nia laboro. Li ofte esprimis sian kontenton ĉar la kongreso estas riĉa kaj altnivela kaj ĉar li povas konstati la vivantecon kaj viglecon de kultura movado, pri kiu li ja havis sciojn el libroj kaj komentoj.

La tagon fermis en la vespero la akcepto al ĉiuj kongresanoj fare de la urbestraro en la hotelo Emperatriz, sub prezido de la urba kulturskabeno S-ro Elias Paule Paule. En la honorparoloj oni ripetis ĉiujn argumentojn kaj bondezirajn esprimojn pri la ŝatata nivelo kaj sukceso de la kongreso. Apartan mencion meritas, kaj ni ne rajtas tion prisilenti, la riĉo kaj lukso de la kolaziono (fakte vera vespermanĝo, kun vinoj, tipaj regionaj porkaĵoj, fiŝaĵoj, ktp), per kiu la urbestraro regalis nin. Nur por kompreno de faktoj, ni citu la deziron de pluraj eksterlandaj kongresanoj persone danki al la urbestro kaj skabeno la regalon neimageblan en siaj landoj.

## Sabato 2-a de majo

Pro la fakto, ke la kongresdatoj inkluzivis nur du labortagojn, oni devis enplekti en ĉi tiun tagon plurajn programerojn, kio kaŭzis ĝenojn kaj malglataĵojn kaj sekve ankaŭ disponigon de malpli da tempo ol estus oportune por certaj taskoj. El tio, pluraj protestoj venis, kiujn la HEF-estraro akceptis kaj provis solvi kiel eble plej bone.

Unue la HEF-estraro matene kunsidis, sed oni ne povis daŭrigi la kunsidon laŭbezone, ĉar baldaŭ devis komenciĝi la kunveno pri "Fundación Esperanto"

indikita en la programo. Efektive, la podion okupis kun prezidanto Alonso la patrono de la Fondaĵo S-roj Juan Azcuénaga Vierna kaj la direktoro Miguel Gutiérrez Adŭriz.

Samideano Azcuénaga prezentis al la kunvenantoj ampleksan informon pri gvidado, situacio kaj projektoj de "Fundación Esperanto". Certe, unu el la grandaj problemoj de la esperanta movado en nia lando estas la malhavo de kapitalo, kaj nuntempe la fondaĵo de HEF prezentas klaran alternativon por iom post iom, paŝon post paŝo, per niaj propraj rimedoj, sendepende de eksteraj faktoroj, grade alveni al stabila situacio. Laŭstatute HEF devas ekonomie subteni sian propran fondaĵon, kreante la favoran etoson necesan por akiri fidon en kaj ekster la movado. Malgraŭ ĉio, la prezento, enhave ne tute trafa, kaŭzis iom da konfuzo ĉe pluraj ĉeestantoj, fakte ne konantaj kio estas kaj kiel funkcias fondaĵo. Ja la klasikaj movadaj strukturoj, grupo kaj asocio, estas tiel forte enradikiĝintaj en nia komunumo, ke foje oni, precipe la maljunuloj, ne kapablas percepti aliajn disponeblajn rimedojn. Feliĉe, la plej junaj montris ne nur sian komprenon , sed ankaŭ la emon iel kunagadi.

Venis en la vico kunveno pri la organizado de la UK-93 en Valencio. Samideano Augusto Casquero, Prezidanto de la LKK, prezentis al ni informon pri la malvolvo de la diversaj aranĝoj celitaj de la organizantoj, kaj ni ricevis agrablan impreson pro la korekta aranĝo de la plej gravaj aferoj, kies zorgajn detalojn oni priparolis en Madrido je la fino de februaro, okaze de speciala kunveno. La tempo disponebla en la kongresprogramo kaj la mateno plenplena de sinsekvaj eroj tute ne ebligis plilongigi la sesion, bedaŭrinde!

Sen apenaŭ tempo por ioma ripozo okazis la koncerto akordiona fare de lernantoj de Esperanta kurso en Merido, kiuj kantis kaj ludis modernajn kanzonojn kaj ricevis fortan aplaŭdon. Sed samtempe okazis ankaŭ la fino de la Esperanta kurseto, la ILEI-ekzamenoj, la kongresa foto kaj la kunsido de estraranoj por solvi urĝajn administrajn problemojn...Absolute ne eble ĉeesti ĉie: mi povas certigi al niaj legantoj, ke sen la malavara kunlaboro de prezidanto Alonso, tiu ĉi kongreskroniko estus tute neverkebla...



Surprizon, agrablan surprizon ni ricevis aŭskultante la belan disertacion de nia portugala samideano Gonçalo Neves pri "Novaj spuroj en Hispanio", ĉar krom talenta poeto (unu el la plej bonaj de Esperantujo lastatempe), li estas

ankaŭ tre bona preleganto. Resumi lian prelegon, se mi tion pretendus, fakte estus forpreni al niaj legantoj la plezuron gustumi sennombrajn nuancojn kaj riĉajn beletrajn valorojn de tiu densa kaj tre interesa lekcio, kiun ni publikigos, resumita de li mem aŭ kompleta, en la venonta numero de "Boletín". Neeviteble post la prelego ŝprucis la debato, sufiĉe densa kaj altnivela, kelkfoje eĉ nur komprenebla de elito; ekzemple pri la enkonduko de la greka heksametro en Esperanton (okaze de la poemo de Montagut "La kanto de Utnoa"), aŭ la maniero legi/deklami/aktori ĝuste pri tiu menciita kanto, la perspektivoj por starigo de sopirata teatra grupo, kaj la problemoj/danĝero/solvoj (laŭ Fundamento de Esperanto kaj la responda nuna moderna stilo) pri eventuale ekscesaj kalemburoj en la lingvo...kaj jen la mankanta tempo postulanta sian leĝon kaj sekve la finon de la debato.

Posttagmeze, unue, la Ĝenerala Kunveno de HEF.

Oni legis kaj unuanime aprobis la akton de la antaŭa pasintjara Ĝenerala Kunveno.

Poste oni legis la Financan Raporton: kelkaj membroj petis eksplikon pri certaj punktoj de tiu ĉi Kontostato, kiuj ne estis sufiĉe korekte responditaj de la prezidejo: ne temis ja pri la fidindeco de la ciferoj sed pri la fuŝa prezento de la tuta Raporto. Ŝprucis pasia diskutado pri tio kaj post la firma promeso de la estraro korekti tian prezenton oni aprobis ĝin.

Tuj oni daŭrigis legante la Kontostaton de la Libro-Servo: similaj protestoj venis pro samaj motivoj, kaj kun sama pozitiva ĝenerala reago oni aprobis la Raporton kun aplaŭdoj honore al la responsulo de tiu Servo. La estraro celas kunsidi ĉiujare en monato januaro por analizi atente ĉiujn jarraportojn kaj dece pretigi ilin sufiĉe antaŭ la kongreso. Ni estas geografie disaj, kaj tio tre malhelpas efikan kunagadon kaj kunlaboradon same en la organizado kiel en la kultura kampo.

Pri "Boletín" oni konsentis publikigi, se nia ekonomio tion ebligas, kelkajn foliojn malsamkolorajn en la hispana lingvo, kies celo estas informi precipe al informagentejoj, radio kaj televido pri novaĵoj de la Esperanta Movado. Ĉar tiuj folioj estos pretigitaj de aliaj redaktoroj ekster la nuna Redakcio, oni studos kiel kunordigi ambaŭ servojn. Oni decidis promocii nian "Boletín" per starigo de nova abono por (la)



esperantistaj societoj: temas pri sendo de dek ekzempleroj de ĉiu numero kontraŭ 10.000 pesetoj jare. Tiu kvazaŭ-oferto celas, ke niaj grupoj disponu tiujn duonprezajn ekzemplerojn, jen kiel propagandilon por eventuala sendo al eksterlando, jen kiel oferton por la lernantoj, kun la celo, ke ili ekkutimu al legado de



beletraj paĝoj. Komprenu bone: tiu oferto neniel anstataŭas la nunan sistemon de individuaj membroj, sed (provizore) funkcios kun tiu propaganda celo. Ĝi validas nur por niaj esperantistaj Centroj. Ankaŭ oni atentigas al niaj membroj, ke la estraro revizias la nunan kotizon por la kategorio "Dumvivaj Membroj" (200.000 Ptoj). Specialan studon oni faris por la kreo de speciala fonduso per tiu mono, kiu de nun restos inmobilizita en Bankoj por uzi nur la profiton de tiu kapitalo. La normala elspezo de tiu mono, signifis ĝis nun, gravan efektivan malriĉiĝon de nia Federacio, kiun ni per la nova sistemo atentinde evitos.

La streĉa laboro de certaj Servoj de HEF, nun tute ne sufiĉaj por prizorgi la administran kaj informan bezonojn de nia Federacio, decidigis la estraron plifortigi la jam funkciantan servon starigitan en antaŭaj jaroj en la Centra Oficejo. Por plibone funkciigi ĝin oni decidis envicigi en la HEF-estraron al ties Direktoro, samideano Marcos Cruz, kiu de nun prizorgos pri ĉio koncernanta informadon kaj administradon de nia Federacio en la oficejo de Rodríguez de San Pedro, 13, 3°,Pta-7. Oni evitu konsulti la ceterajn estraranojn pri tiuj konkretaj fakoj (informado kaj administrado), ĉar oni superŝarĝus ilin per taskoj, pri kiuj ili ne kompetentas aŭ ne havas tempon.

Rilate la venontajn kongresojn, oni decidis ne organizi HEF-kongreson dum 1993. La Ĝenerala Kunveno de la Federacio okazos en Valencio kadre de la Universala Kongreso. Oni proponis okazigi la HEF-kongreson de 1994 en Torrox (Malago); tiun proponon principe oni akceptas kun danko, sed oni devos sufiĉe antaŭtempe studi la projekton kun la tiea Grupo kaj kun Andaluzia Esperanto-Unuiĝo. Ankaŭ eventualaj Eŭropaj aŭ Iberiaj Kongresoj povus esti atente studotaj. Niaj prioritato de nun ĝis la UK-93 estu kunhelpi niajn valenciajn kolegojn en la giganta laboro prepari memorindan kongreson. Jen bela okazo por kunvoki niajn membrojn al tia tasko!

Sen aliaj novaĵoj, krom la alvoko fari ĉion eblan por plialtigi la nombron de nia anaro, la prezidanto petis aplaŭdon kiel premion por tiuj personoj kiuj

laŭlonge de la jaro tiom multe strebis por subteni nian Federacion. Fortan unuaniman aplaŭdon fermis la ĉi-jaran Ĝeneralan Kunvenon de HEF.

Kiel ĉiujare oni profitis tiun ĉi Kunvenon por liveri la medalon "Klara Silbernik", ĉi-jare al la simpatia sinjorino Maria Paz Roces, edzino de nia elstara esperantista aktivulo Santiago Mulas Gallego, prezidanto de Astura Esperanto-Asocio. Tondra aplaŭdado konfirmis la trafon de la elekto!

Sen apenaŭ tempo por spiri, oni komenciss brilan PORTUGALAN HORON per skeĉoj de portugalaj infanoj en Esperanto: la impreso ne povis esti pli bona kaj simpatie oni aplaŭdis ĉiun el tiuj skeĉoj.

Tuj poste venis kanto de portugalaj faduoj. Prezidanto Alonso prezentis la muziko-kantistojn per jena paroladeto en la portugala, hispana kaj esperanta lingvoj: "La portugala lingvo havas tre subtilajn kaj riĉan nuancojn vokalan, fonetikan, prozodian -kio ankaŭ okazas, laŭ tute alia vojo en la andaluza parolmaniero. Nu, karakteriza trajto de portugala muziko estas ankaŭ, ke melodio kaj harmonio estas same brilaj, kompleksaj kaj subtilaj. Jen kial por ĝusta aprezado, oni klopodu konsciiĝi pri la belaj subtilaĵoj aŭdotaj, tiel de la muzikistoj (du viola-j, la tipa portugala muzikilo parenca al liuto, kaj du gitaroj, kun la kvar kantistoj, ĉiu sole kantanta en ĉiu peco). Tiu ĉi Grupo ludas, ĉefe la stilon de la urbo Coimbra, do etose studenta kantaro (kio respeguliĝas ankaŭ en la surhavado de la tipa studenta mantelo kun kiu ili sin prezentas en la scenejo, kaj klare malsimila disde la stilo Lisbona (kun deveno pli popola el tavernoj, k.a.). Ĉiuj membroj estas profesiuloj kun universitataj studoj kaj karieroj, kaj ludas faduojn "nur" amatore, kvankam ili estas famaj en la tuta lando. Tial, estas apenaŭ imageble ke nia kongreso povus ricevi tiun Grupo sen la interveno de S-ro Miguel Faria de Bastos, prezidanto de Portugala Esperanto-Asocio kaj membro mem de la Grupo, kaj ĉio iĝas klara por ni ĉiuj (kvankam ne malpli dankenda kaj dankata!)".

Belega kaj vere emociiga la kanto de tiuj faduoj aklame aplaŭditaj... en la okuloj de kelkaj spektantoj brilis larmoj pro emocio kaj kortuŝo, profunde sentante la portugalan saŭdadon en la fundo de la koro... Dankon, portugalaj amikoj, pro tiuj belaj momentoj!

Kaj denove, preskaŭ seninterrompe, jen ni pretaj por la reprezento de la "Dua Lirika Festo de HEF":

Miguel Fernández poem-aŭtoro, deklamanto kaj kantanto.

Pedro Villaroig komponisto kaj gvidanto de la ĥoro.
La koruso "Verda Stelo", mirinda kolekto de voĉoj.
Ana Manero deklamanto, voĉo kaj sento en harmonio.



*Ana Manero*

Kaj inter lumludoj, rozario da versoj plektas amhistorion, deklamatan, kantatan inter la melodioj de ĥoraj voĉoj, de delikataj sonoj de orkestro, de komplica silento plena de lirikaj resonancoj... Poezio, muziko, arto kaj revo flugantaj harmonie en la aero kaj alportantaj nin per la poemoj al tiu mirinda mondo de la Amo. Ho, jes, ĉiam vibrante en la eterna mita Amo!

Ĉu ni ripetu per senlima ĉeno da adjektivoj, da laŭdoj, la emocion, kiu vekas en la fundo de niaj koroj la poezion de Miguel Fernández? Niaj legantoj jam konas tiujn vortojn, ĉar milfoje ripetitaj, kaj tamen apenaŭ spegulantaj la puran esencon de niaj sentoj! Permesu al ni reprodukti singularan opinion de alia granda poeto pri la spektaklo, tiun de Gonçalo Neves. Li diris nur unu solan vorton: SUPERBA!!

Tutkoran dankon al ĉiuj protagonistoj, kiuj kontribuis per ilia arto prezenti tiun spektaklon. Nur unu rezervo al tiu reprezento: estas sendube neripetinda prezenti tian belan artaĵon post du-tri sinsekvaj programeroj.

**Dimanĉo 3-a de majo**

Matene katolika meso kun preĝoj kaj dialogoj en Esperanto en la preĝejo Santa Maria.

Poste, vizito al la historiaj ruinoj, al la muzeoj, al la monumentoj, memorindaj trezoroj de l'pasinto. Kelkaj kongresanoj mem volis konstati la mirindan akustikon de la romia teatro, konstruata dum la jaroj 16-15 a.K., kaj kie nun okazas ĉiujare teatraj festivaloj. Niaj samideanoj deklamis poemojn, kiujn ni, la ceteraj esperantistoj, aŭskultis

kun admiro pro la klara resono. Ni ricevis agrablan impreson pro tiom da interesaj restaĵoj, spuroj de civilizacioj pasintaj tra tiu urbo kaj ties bela valo: romia, visigota, araba...



Postagmeze, libera vizito al la urbo, kiun pluraj el ni apenaŭ vidis, eĉ mem loĝantaj en ĝi pluraj tagoj... tiel intensa kaj streĉa estis la ritmo de la kongreso.

**Lundo 4-a de majo**

Vojaĝo al Portugalio. Vizito de la urbo Alves kaj ties turismaj vidindaĵoj. Tagmanĝo en moderna restoracio. La vizito tiel mallongis, ke ni revenis kun la stranga sento, ke io restas nefarita... La adiaŭo okazis ĉe la aŭtobuso mem.



Kaj ni ne volas fini nian kronikon sen plua mencio kaj dankesprimo al tiuj personoj, sen kies kontribuo la kongreso ne estus okazinta: al nia samideano Cabezas, al la urbestro S-ro Vélez Sánchez, al la kulturskabeno Elías Paule, al la entuziasma kaj nelacigebla prezidanto Alonso, al tiu plejado de talentaj junuloj kiuj de nun enviciĝas en niaj taskoj, kaj ĝenerale al ĉiuj partoprenantoj en la evento. Dankon!

*La Redakcio.*

# Georgo Kamaĉo Akademiano!

La novaĵo alvenis kiam Boletín survojis al la presejo: Georgo Kamaĉo estis ĵus elektita membro de la Akademio de Esperanto. Nia juna kaj brava verkisto ricevis du trionojn da voĉoj. Pliajn detalojn vi legos en la venonta numero.

Ni gratulas lin kore!



**Vojaĝo al Ĉinio.-**

Hispana Esperanta Fervojista Asocio organizas vojaĝon al Ĉinio okaze de la 5-a Pacifika Kongreso de Esperanto en Qingdao, de la 17-a ĝis la 22-a aŭgusto 1992. La loĝprezo dum la kongresa semajno estas: kategorio B (mezklasa) en dulita ĉambro, klimatizita, kun televido, banĉambro kaj necesejo po 473, USD (usonaj dolaroj) ĉiu persono. Unupersona ĉambro 603, USD

Tiuj prezoj estas por unu persono kaj inkluzivas liton, tri manĝojn ĉiutage, urbajn transportojn, tuttagan ekskurson, du duontagajn ekskursojn, ĉiĉeronadon en Esperanto, asekuron kontraŭ akcidento kaj peton pri vizo. Aliĝkotizo por nia lando: 60,-USD. Aliĝkotizo por junulo malpli ol 26-jara 30,- USD.

Elekteblas du Postkongresoj: PE-1 386,- USD; PE-4 674,- USD.

Iro aviadile inter Barcelono-Londono kaj Pekino, kaj reveno Hong Kong-Londono-Barcelono kun vizitoj: 146.000 pesetas

Skribu rapide al Hispana Esperanta Fervojista Asocio; Apartado 15027. 08080 BARCELONA.

**Duaj Esperantaj Labortagoj, en Torrox (Malago).-**

De la 4-a ĝis la 12-a de Oktobro 1992. Ekskursoj tra la "Suna Strando", vizito al la Foiroj de Torrox kaj Nerja, kaj aliaj turismaj lokoj de la regiono. Malmultekosta restado apud bela plaĝo. Skribu al la: O.K.K., Apartado 864. E-29080 MALAGA (Hispanio).

**Dua Esperantista Rendevuo.-**

Cento da esperantistoj alvenis al Vila-rodona (Tarragona) la 7-an de junio por partopreni la duan Esperantistan Rendevuon. Prelegis M. Gerrero, A. Casquero, L. Serrano, S. Aragay kaj M. Gutierrez. Poste okazis la disdonado de premioj al lernantoj de la loka liceo, partoprenintaj en esplora tasko pri E-o, kaj, fine, la inaŭguro de strato kun la nomo Esperanto.

**Prago.-**

Gesamideanoj dezirantaj viziti Pragon, en la koro mem de Eŭropo, post la UK, povas disponi pri loĝado, manĝado kaj esperantista medio per la oficejo de INTERHELPO, Krimsky Zdenko.- P.Box 44. CS 150 00 PRAHA 5.

## 14a Hispana-Franca renkontiĝo.-

Dum la semajnfino 6a-7a de junio okazis en Oloron (Francio) la 14a Hispana-Franca renkontiĝo organizita de la Esperanto-klubo de Pau-Adour. Ĉeestis ĉirkaŭ 35 personoj, ĉefe el Zaragoza, Pau kaj Mont de Marsan. Elstaris la prelegoj de la Paŭa prezidantino Jeaninne pri la vojo de Santiago, ja trapasinta la urbon Oloron, kaj tiu de la soria samideano Antonio Valén pri la nombro de esperantistoj en la mondo. Cetere oni vizitis la urbon, muzeon kaj katedralon. La bankedo okazis en apuda vilaĝeto. Ĉe la adiaŭo oni decidis aranĝi la venontajn renkontiĝojn ĉiun duan jaron.

## Ĉiuj al vieno por preni la flagon.-

La OKK de la UK-93 kunvokas al ĉiuj hispanoj partoprenontaj en la 77-a Universala Kongreso okazonta ĉi-jare en Vieno, por kuniri al la solena ceremonio pri transpreno de la Esperanta flago kiel simbolo de akcepto de la venonta UK en Valencio. Aldonaj informoj: Grupo Esperanto Valencia.- Fernando el Catolic, 45.-3°. 46008 VALENCIA. Aŭ ĉiumerkrede per telefono:(96) 384.96.16, ĉ. la 19-a horo.

## Aperis Pasporta Servo-92.-

En la ĉi-jara listo aperas 59 landoj kun preskaŭ 900 adresoj de gastigantoj, kiuj pretas akcepti vojaĝantajn Esperanto-parolantojn. Se oni volas scii pli pri PASPORTA SERVO oni povas peti informilon en jena adreso: Pasporta Servo; p.a. Rob Keetlaer. Postbus 2310. NL-1000 CH Amsterdam, Nederlando.

## Literatura Internacia Konkurso "RAMON MOLERA".-

Oni kunvokas Internacian Literaturan Konkurson, kiu premios la plej bonhumoran verkaĵon pri tiu specifa fako. Kvin foliojn maksimume. Petu regularon kaj aliajn detalojn al: KULTURA ASOCIO ESPERANTISTA.- Font Nova, 32. / 08202 SABADELL (Barcelona) / Hispanio.




## Nova esperantista gazeto.-

Antaŭ kelkaj semajnoj aperis dusemajna esperantista gazeto "EVENTOJ". Temas ja pri tre interesa kaj apoginda entrepreno, por kiu oni akceptas internaciajn kunlaborantojn. Multfaceta informado. Aliĝoj: "EVENTOJ"-Lingvo Studio.-H-1675 Budapest, pk. 87.Hungario.





*Mª Rafaela Urueña*

# ESPERANTA JURA ASOCIO

Ĵus aperis la unua bulteno de tiu nova asocio, naskiĝinta en 1991, post kelkjara vakuo en la Esperantaj juraj medioj. Ni memoru, ke en 1987 malaperis la IEAJ, kiun multjare prezidis la altranga esperantisto D-ro Ivo Lapenna.

La unua jarkunveno de la Esperanta Jura Asocio (E.J.A.) okazis sub la gvidado de S-ro Ian Jackson nome de provizora gvidantaro la 2-an de aŭgusto de 1991 kadre de la 76-a UK (Bergeno, Norvegio).

En tiu kunsido oni elektis la jenan estraron por la 1991-1994-a oficado:

PREZIDANTO: Mª Rafaela Urueña (Hispanio).
SEKRETARIO: Ian Jackson (Britio).
VOĈDONANTO: Povilas Jegorovas (Litovio).
VOĈDONANTO: Gianfranco Polerani (Italio).

La Statuto antaŭvidas kvinpersonan estraron, do vakas unu loko.

La taskoj farotaj estas multaj kaj diversaj: laborgrupoj por studi fakajn temojn, anglajura terminaro (jam prizorgata de Ian Jackson), terminologio, ktp.. Iom post iom ni klopodos plenumi ĉiujn.

Baldaŭ la Esperanta Jura Asocio fariĝos faka asocio de UEA, kiel multaj aliaj en la sino de la Universala Esperanto-Asocio.

Ĉar laŭ la nova Statuto rajtas almembriĝi ne nur juristoj, sed ankaŭ studentoj pri Juro, mi alvokas ĉiujn, kiuj en Hispanio estas studentoj pri Juro aŭ advokatoj, juristoj, ktp. helpi nian novan asocion, aliĝante al ĝi por ke nia profesio estu disvastigata en la internacia sfero.

Pliajn informojn petu al: D-rino Mª Rafaela Urueña, Av.Ramon y Cajal, 12, 2º-C. 47011 VALLADOLID.

*Rafi Urueña.*

# MADRIDO, URBO DE LA EUROPA KULTURO




Kiam tiu ĉi artikolo estas redaktata, jam troviĝas en plena apogeo la ĉiam memorinda jaro 1992. Do, kiam ĝi aperos en "Boletín", almenaŭ parto de la jaro jam apartenos al la historio; sed, karaj gesamideanoj, decas ke niaj posteuloj ne kritiku nin malfavore, eble pensante ke ni ne okupiĝis pri ĉi tiu alia evento, kiu kvazaŭ kompletas la malfermon de Hispanujo al la mondo.

Kelkaj kritikistoj jam komentarias, ke tiu ĉi evento "Madrido, urbo de la Eŭropa Kulturo" estas kvazaŭ aldono al la brila stela programo, en kiu la urboj Seviljo kaj Barcelono rolas kiel ĉefprotagonistoj. Do, oni volas, ke ankaŭ Madrido brilu kun propra lumo. Kiu ajn estis la motivo, ni nepre devas saluti tiun deziron, kiu nun realiĝas: ke almenaŭ dum unu jaro Madrido estu KULTURA URBO DE EUROPO.

Persone, mi ankoraŭ ne scias en kio konsistos la programo. Detalo pri ĝi ne alvenis al miaj manoj, kaj kvankam mi kutime legas plurajn ĵurnalojn ĉiutage, neniu konkreta informo elmetis min el tiu dubo. Kiam oni parolas pri kulturo, venas al mia menso multaj temoj, ĉar la kulturo estas tiel ampleksa, kiel la vivo mem...Kion montros Madrido al la mondo?. Kaj inverse, kion pri kulturo alportos Eŭropo al tiu ekspozicio okazonta en Madrido? Ĉu estos beletraj konkursoj, renkontiĝoj, debatoj pri la nuna kaj ĝenerala kulturo, ekspozicioj pri plastikaj artoj?. Ĉu oni eksponos la kulturon pri la manĝado, amuzado, kutimoj, kunvivado, persona digneco, analfabeteco, studo pri la malvirtoj de nia nuntempa kulturo, ekz. la toksikomanio, ktp.? Ĉu okazos debatoj pri la homaj rajtoj kaj oni analizos tiun kulturon kia estas la socia studo pri la mizero kaj privilegioj de certaj homoj super aliaj, aŭ en kio konsistas la korekta edukado, aŭ kial ne ĉiuj homoj povas vizitadi universitaton kaj kial oni ne pliprofundigas en la studojn pri la paco kaj la naturo?...

Bonvolu kompreni, karaj geamikoj, kion mi intencas diri per tiuj kvazaŭdemandoj kiujn mi citas: en la kerno de tiu kultura ekzalto en Madrido devas ĉiam vibradi, miaopinie, niajn zorgojn pri la homo kaj sia problemaro socia kaj neniel anstataŭi tion per certa frivola kulturo. Kaj tuj venas al mi la

demando: kiuj partoprenos en tiuj debatoj?. Ĉu la tuta evento restos kvazaŭ privata tereno, en kiu nur povos ĉeesti "la pensantaj kapoj" televide montritaj al la lando, aŭ ankaŭ kun ili aperos astura ministo, andaluza kampolaboristo, galega fiŝkaptisto, resume modesta stratohomo? Ne, ne estas facila "munti kaj montri" al la mondo la kulturon de urbo, laŭ ĝenerala koncepto, en la nunaj sociaj cirkonstancoj.

Mi multe timas, eĉ antaŭvidas, ke la tuta evento konsistos en organizado de "altrangaj" festoj: opero, muzikkoncertoj, pompaj disertacioj, ktp., en kiuj rajtos ĉeesti nur influhavaj personoj de la politiko kaj la socia vivo. Se oni kondukas tiun kulturan feston al simpla amuzado, mi konsideros la eventon kiel fiaskon. Eble oni intencos kontentigi la popolon per la popularaj rok-koncertoj, sed tio nur estos parto de sama trompo. Bonvenaj estu tiaj amuzoj kiel montrofenestro de la homa feliĉeco, sed evidente tio ja ne estas la tuta kaj vera kulturo de popolo aŭ urbo.

La certa fakto estas, ke Hispanio estos dum la tuta jaro en la menso de milionoj da homoj, kiuj rigardos kaj kritikos nin. Grava ekzameno al nia lando ne ĉiam konsiderata tre kulturema. La defio estas granda kaj respondeco tia ĉiam kunportas la gravan riskon ne ĉiujn kontentigi. Malgraŭ ĉio dirita, mi esperas ke Madrido disradios efektivan kulturon al la lando, kaj la organizantoj trovos trafan sistemon, por ke gravaj temoj kaj modestaj homoj estu enprogramitaj.

Povus okazi, ne vane ni estas hispanoj, ke la organizantoj konsideros oportuna meti en la programon la tiel nomatan "hispana festo", t.e. taŭroludadon. Mi bone scias tio, ke multaj madridanoj, multaj hispanoj, rigardas tiun feston kiel artan landan kulturon. Permesu al mi opinii, ke estus erara decido, ĉar miloj kaj miloj da homoj, kaj mi mem inter ili, pensas ke tio ne estas kultura aranĝo.



Kiel en ĉiu internacia aranĝo, ankaŭ en "MADRIDO, URBO DE LA EUROPA KULTURO" ne mankos la lingva problemo. Kiel solviĝos tiu problemo? Sendube kiel ĉiam: ekzistos la eternaj malfacilaĵoj por reciproka interkompreniĝo, intervenos la tria homo, t.e., la interpretisto kun la kutimaj eraroj kaj misinterpretoj. Denove evidentiĝos la bezono pri lingvo internacia kaj ke Esperanto estas nun la sola rimedo ekzistanta por solvi la lingvan ĥaoson. Kion faros la hispana Esperanto-movado?

Ĉu niaj aktivaj madridaj samideanoj jam pensis ion por eltiri profiton el tiu situacio kaj montri la avantaĝojn de Esperanto?

Karaj gesamideanoj, eble kiam vi legos ĉi tiun artikolon, jam ĉiu demando ricevis la koncernan respondon.

*Luis Serrano Pérez*

---



# Recenzoj

SUR LA LINIO, (Rakontoj kaj noveloj), de Georgo Kamaĉo; Eldonejo Bero, Berkeley, Kalifornio, 1991.

Jen, por la unua fojo, kompleta dozo da Georgo Kamaĉo en unu sola volumo. Kaj tion jam de longe ni avide atendis, ĉar ĝis nun, ni povis lin ĝui nur per sporadaj (kvankam majstraj) kontribuoj al pluraj opaj verkoj, kiaj "Sferoj", "Astura Bukedo" aŭ "Pandemonio". **SUR LA LINIO,** ĝi nomiĝas, kaj tie li pluas sur vojo al solida fajneco literatura. Plurajn ĝiajn erojn ni jam konis, aliaj atingis premiojn en la Belartaj Konkursoj de UEA, kaj la ceteraj surprizis nin neatendite pro sia literatura vervo, ĉar ĝuste pri literaturo ni parolas. Malkiel aliloke en nia verda parnaso, Georgo celas la artan fikcion, kaj la sia ja estas tia pro interpreta, teknika kaj lingva riĉeco. Ni situas antaŭ desegno de nia estonta beletro, ĉar li kreadas la ĝustan lingvon por literatura lingvo, per mikso de tradiciaj rimedoj kaj moderna ennoveco. Kiel Artur E. Iltis asertas en la postparolo, "Bona vino bezonas nek reklamon nek etikedon", kiel nia aŭtoro, olda je bongusto kaj mosta je juno, kiu pluu en niaj keloj por longa tempo.



Vi povas mendi de libroservoj de UEA kaj HEF.

*Alberto Franco.*

Mia prefero por la vinruĝo ĉiam estos;
la flut' kaj la liuto rifuĝo ĉiam estos;
kaj, se el mia cindro potisto faros kruĉon,
plena de pura vino la kruĉo ĉiam estos.

Umar Kajjam.

# Letero al G. Waringhien

Kara Gaston Waringhien:

Oniskribe kaj onidire vi lasis nin en decembro, antaŭ pluraj monatoj. Nur unu fojon mi vidis vin persone, en la Universala Kongreso de UEA en Aŭgsburgo, en 1985, kaj nur unufoje mi ricevis de vi leteron (precize:karton) okaze de enketo pri la dek plej belaj vortoj esperantaj.

Tamen dum la dek aŭ dekdu jaroj de mia esperantista vivo mi ofte vin renkontis en libroj kaj gazetoj kaj eĉ en edistudia kasedo ("Inter la arboj, sur la voj'..."). Kaj certe mi renkontos, ni renkontos vin plu.

Ĉar vi traloĝas mian ĉambron, miajn libro-bretojn. Kiam mi konsultas la zamenhofajn "Lingvaj Respondoj", de vi editoritajn, aŭ la klasikan "Parnasa Gvidlibro", kiun publike ni tabuas sed hejme asiduas, jen tie via nomo kaj ne nur via nomo. Kiel en via cetera verkaro dominas en ili erudicio kaj klero en enormaj kvantoj kune kun sana ironio kaj pipra distro-spico.

Klare mi vidas tion en viaj kvin volumoj da eseoj. Kiu ankoraŭ ne legis ilin, tiu ne konas la potencialajn esprimivon de esperanto nek, plej grave, viajn aktualajn kaj sen-egalajn atingojn. Onin ne surprizu la fakto, ke la pinton de la prireligia beletro en esperanto verkis ĝuste vi, Gaston Waringhien, "malfrua fil' de l' olda paganismo", per la esearo "Ni kaj ĝi", tria en la serio.

Ankaŭ en kompilado de vortaroj vi aktivis unike kaj senrivale. Kiom ajn da pivoj ose eldoniĝos, al via PIVo ni revenos daŭre. La imponan "Plena Ilustrita Vortaro" vi akuŝis, slipon post slipo, en temp' senkomputila, kaj, kvankam teamo da kunaŭtoroj vin helpis en tiu tasko, ĉi PIVo restas kaj restos vivo-verko via.

Vi ankaŭ ĉefredaktis la faman "Nica literatura revuo", kaj kun via kolego kaj amiko Kálmán Kalocsay regalis la esperantistojn per titoloj tiel diversaj, kiel "Plena Analiza Gramatiko" aŭ "Kantoj kaj romancoj", traduko de poemaro de Heinrich Heine. Ĉar tradukiste vi suverenis, kiel pruvas, ekzemple, via redono



de la robaioj de Umar Kajjam, via persa prasamideano.

Kaj originalverke? En "Libro de Amo" viaj versoj igas min redifini la vorton "lascivo": la kremo de la scivolemo.

Viaj koploj en "Esperanta Antologio" memorigas nin pri via amo al andaluzaj (virin)oj. Hieraŭ mi relegis vian pseŭdonome geman (aŭ ge-maŭran) poemaron "Duonvoĉe". Kiaj poemoj! Plej impresis min la kvinstrofa "perdita esploranto". Kaj tre probable unu el la poemoj duonvoĉaj plej konataj de esperantistoj estas via jena triverso:

Maro, zorga dommastrino,
faldas re kaj re, sen fino,
susure silkajn ondojn.



Pensante pri via forpaso mi ne povis ne fari adapton por tiu ĉi letera nekrologo. Bonvolu rigardi ĝin ne epitafo, sed saluto kaj omaĝo de verkemul' samlingva kaj samnoma:



Morto, zorga hommastrino,
falĉas re kaj re, sen fino,
susure silkan fojnon.

Vian respondon mi divenas en la umaraj robaioj. Ne dubu, ke via verkaro estos por ni vin-enhava, vin-plena cindro-taso, en kiu, ĉe nia sola tuŝo, lek' aŭ lego, vi revivetos.

Amike, via

*Georgo Kamaĉo.*

# REPLIKO AL "APLIKO DE STRATEGIA PLANO KONTRAŬ REFORMEMULOJ" de B.GOLDEN.

Bernard Golden eble apartenas al tiuj homoj, kiuj pensas ke Esperanto, kiu estas kreita por forfaligi la lingvajn barojn, kiuj malhelpas la liberan homan interkomunikadon, devas esti regata per ukazoj, tabuoj kaj cenzuro.

Bernard Golden ne legis atente mian proponon kaj diras ke la alfabeto, kiun mi proponis ne estas fonetika.

La digramoj ch= ĉ kaj sh= ŝ, estis jam proponitaj de Zamenhof en la Fundamento. La esperanta alfabeto ankaŭ ne estas fonetika, c= ts, ĝ= dĵ, ktp. kaj tamen estas neniu problemo pro tio.

Mi ne proponis du sonojn por Y sed unu. "Y oni prononcas kiel Ĵ". La litero X anstataŭas la digramojn ks kaj kz, kaj prononciĝas ĉiam ks. Pro tio estas bezonata la neologismo "adyo" (aĝo) por eviti la koincidon kun "ayo" (aĵo).

La litero Q anstataŭas la digramon kv kaj la proponita sono estas "kŭ". Bernard Golden ne volas rekoni tion, kio estas evidenta; sur la klavaroj de la skribmaŝinoj por la lingvoj angla, ĉeĥa, dana, finna, germana, hungara, islanda, latina, norvega, pola, sveda kaj por Jugoslavio *ne* ekzistas cirkumfleksa signo, kaj pro tio li mem devis fari *pli ol 60 korektojn mane*, kiuj faris lian skribaĵon ne alloga kaj pli peza, tamen li parolas pri mensmasokistoj. Sur neniu klavaro ekzistas cirkumflekso por la majuskloj, kaj sur ĉiuj ekzistas la literoj Q, W, X, kaj Y.

Simile okazas al la aliaj klavaroj uzataj en la modernaj iloj, kaj ni ĉiuj scias, ke "Heroldo de Esperanto" estis presita en Alcalá de Henares ĉar en Madrido ne estis trovebla taŭga presejo kaj ankaŭ devis pagi 60.000 pesetojn por la ĉapelitaj literoj, kaj ke nun en Pisa en la tri unuaj numeroj de tiu ĉi jaro multaj cirkumfleksoj aperis ne super la literoj, sed apud ili. Mi supozas ke ankaŭ ili devas pagi por la speciala programo. Ankaŭ vi ĉiuj scias pri la problemoj de la perkomputila presado de la kongreslibro kaj flugfolioj en La Laguna, aŭ de "Nia Voĉo" en marto de 1991.

Telegrafio per Morse, radiotelegrafio kaj teletipoj estas *tute ne uzeblaj* en Esperanto pro la supersignoj. Tamen proponi facilan solvon por ĉiuj problemoj de supersignoj en Esperanto Bernard Golden konsideras preskaŭ krimo.

Malmultaj nuntempaj esperantistoj scias ke en 1894, publikigis Zamenhof en la tiama revuo "La Esperantisto" serion da specialaj artikoloj "Pri reformoj en Esperanto". En tiuj reformoj la supersignoj tute simple malaperis; kiam la rezulta vorto estis taŭga kiel "angelo", "cielo", "cerizo", ktp. li prenis ĝin, kaj se ĝi ne estis uzebla li kreis neologismon. Li ankaŭ malaperigis la artikolon "la", la akuzativan finaĵon "n"; la pluralo "oj" de substantivoj fariĝis "i", la adjektivoj ne havis pluralojn kaj finiĝis per "e" same kiel la adverboj, li ankaŭ ŝanĝis ĉiujn pronomojn, la korelativan tabelovortojn, ĉiujn finaĵojn de la verboj kaj 930 vortojn.

Post tiuj radikalaj ŝanĝoj la lingvo estas ankoraŭ rekonebla. Jen ekzemple la kristana "Patro nia" post tiu reformo: "Patro nue, kva esten in cielo, sankte estan tue nomo, venan regito tue, estan volo tue, kom in cielo, sik anku sur tero. Pano nue

omnedie donan al donan al nu hodiu. E pardonan al nu debi nue, kom nu ankau pardonen al nue debenti. Ne kondukan nu in tento, sed liberigan nu de malbono".

La proponitaj reformoj ne trovis sufiĉan apogon en *demokrata* voĉdonado kaj la fina rezulto estis 157 kontraŭ reformoj, kaj 107 por reformoj. Do la lingvo restis ne ŝanĝita.

Tamen ankaŭ post tiu voĉdonado Zamenhof prave konjektis, ke 264 esperantistoj ne povas antaŭdecidi pluan sorton de la helpa universala lingvo.

Tuj post publikigo de la rezultoj de voĉdonado li skribis: "Kelkaj pensas, ke la farita decido malpermesas por ĉiam iun ŝanĝon en nia lingvo kaj faras ĝin por ĉiam tute rigida. Tio estas eraro, ĉar ĉiu ja devas bone kompreni, ke ni, malgranda kolekto da homoj ne povas fari ian decidon por ĉiam en afero, en kiu laŭ nia espero poste partoprenos granda multego da aliaj homoj. La plimulto trovis, ke pro diversaj kaŭzoj en nuna tempo nenio en la lingvo devas esti ŝanĝita; ĉu iam poste oni faros iajn ŝanĝojn aŭ ne, pri tio neniu decidis, nek povas decidi".

La amaran senton de Zamenhof post tia rezulto oni povas legi en PIV paĝ. 1055, vorto ŝafo:"La pli granda parto de la esperantistoj estas kiel blindaj ŝafoj".

Mi tre ĝojus, se Esperanto estus oficiale agnoskita. Jam du fojojn ĝi estis agnoskita de UNESKO. Tio ja estas morala helpo, sed nur morala, praktike solvis neniun problemon.

La blinduloj skribas Esperanton per brajla alfabeto. La turkoj ŝanĝis de la araba al la latina, kaj la rumanan lingvon oni skribas per latina kaj per cirila alfabeto. Do, ne estas tiel grava.

*Juan Navareño*

# Noto de la Redaktejo

Lastatempe, pro multiĝo de replikoj kaj certa inklino de kelkaj replikantoj fari el nia revuo "honoran batalkampon" por solvi siajn personajn rankorojn verŝante sur ĝi galon kaj neĝentilajn esprimojn, mi decidis konsiliĝi kun la ceteraj redaktoroj pri la bezono meti finan punkton al afero, kiun mi jam provis solvi private. Nun, temas pri replikoj al artikoloj pri "La Participoj" aperinta en "Boletin"-304, kaj "Prilingva rezonado tra diferenca lenso" en "Boletín"-305.

Kiel sciate, la Akademio de Esperanto, jam decidis antaŭ longe ĉion decidindan pri la karaktero kaj rolo de la participoj. Ankaŭ per "Boletín" oni diskutis tiun temon ĝis elĉerpiĝo. Nu, en tiu ĉi momento venis en nian Redaktejon ĝis kvin artikoloj, ne ĉiuj etike neriproĉeblaj, kiuj remartelas la samajn argumentojn, kvazaŭ ni devus rekomenci tion, kio fakte jam finiĝis. Do, Atente aŭskultinte miajn kolegojn mi decidis rekomendi:

Unue) Ĉar la Akademio jam pridecidis, ni ne plu priinsistu; cetere ŝajnas ke ĉiu kredas sin la sola tenanto de la vero.
Due) Ne alsendi artikolojn kun ofendaj replikoj al nomitaj personoj. Diskuti ĝenerale pri ideoj, teorioj aŭ reguloj, kaj ne pri personoj. "Boletín" estu informa kaj kultura, neniel kvereleca.

Trie) Formuli klare kaj koncize sian penson."Boletín" estas modesta revuo servanto de Esperanto kaj tute ne propagandilo por lingvaj ŝanĝoj.
Kvare) Ne postuli publikigon de nekorektaj tekstoj havantaj gramatikajn erarojn. "Boletín" ne devas erarigi tiujn, kiuj lernas legante ĝin.
Kvine) Mi resendos tiujn kvin artikolojn menciitajn al la koncernaj sendintoj, ĉar fakte ili aldonas nenion novan al la temo debatita.

Mi profitas la okazon por danki la kontribuon de niaj nunaj kunlaborantoj kaj esperas, ke niaj konsciaj samideanoj akceptos miajn rekomendojn kaj por la bono de Esperanto indulgos min pri eblaj drastaj sed konsekvencaj decidoj.

Al ĉiuj koran dankon!

*La Ĉefredaktoro*

---

# Esperanto sur lia vojo



*Santiago kaj lia edzino*

Jen mi prezentas tre entuziasman esperantiston el Gijón, s-anon Santiago Mulas Gallego, fidela partoprenanto en ĉiu Esperanto-Kongreso nialanda. Li funkcias kiel UEA-delegito kaj ankaŭ FD por Esperanto-instruado kaj turismo en Gijón, en kiu urbo li daŭre aktivis/as kiel kursgvianto kaj ankaŭ prezidanto de la loka Esperanto-Grupo. Pliajn detalojn pri sia esperantista vivo li afable respondas al niaj jenaj demandoj:

— *Kiam, kial, kiel kaj kie vi interesis vin pri Esperanto?*

— En 1960, en mia urbo Gijón, okaze de Esperantaj kursoj organizitaj de la Grupo Esperantista "Jovellanos" (nuntempe Astura Esperanto-Asocio), mi decidis aliĝi al la Grupo kaj komencis lerni ĝin, nur kiel "sciemo", sed baldaŭ mi estis ravita de ĝia nobla idealo, de ĝia interna ideo. Poste, pro laboraj kaj familiaj malfacilaĵoj, mi devis forlasi la Movadon dum kelkaj jaroj, ĝis la jaro 1968, kiam mi revenis al la Grupo kaj partoprenis en la 53-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Madrido; de tiam, dum pli ol 23 jaroj, mi aktivas en la esperantistaj medioj, kiel delegito de UEA en Gijón, kaj kiel prezidanto de la Astura Esperanto-Asocio. Ekde la jaro 1968 mi ĉeestas ĉiun Hispanan Esperanto-Kongreson kaj kelkajn eksterlandajn.

*— Ĉu vi memoras iun kuriozan anekdoton, okazintan en via esperantista vivo?*

— La 28-an de Julio 1980, okazis al mi la plej kurioza kaj signifoplena anekdoto en mia esperantista vivo. En tiu dato, nia samideano Adonis González Meana kaj mi, estis petataj deĵori dum proksimume tri horojn kiel interpretistoj, PER ESPERANTO, inter pola grupo de speolologoj kaj la tiama direktoro de la Nacia Parko "Covadonga". S-ro Petro Kolodziej, esperantisto kaj membro de tiu grupo, kontaktis min kaj petis nian helpon, ĉar malgraŭ la fakto, ke unu el la membroj de la grupo (precize la edzino de s-ro Koloziej) "scipovis" la anglan lingvon, same kiel ankaŭ la edzino de la direktoro de la Parko; ili tute ne sukcesis plene interkompreniĝi, nek klarigi ĉiujn dubojn, kion tute glate kaj normale ni atingis PER ESPERANTO. En tiuj okazoj, kiel la antaŭa, estas kiam oni komprenas pli bone la grandan utilecon de Esperanto en la rolo de Internacia Lingvo.

*— Fine, kian mesaĝon vi transsendus al la geesperantistoj de nia lando, por ke ili plej efike strebadu cele al efektiva progresigo de Esperanto en la tuta hispana ŝtato?*

— La mesaĝo, kiun mi volas transsendi al la geesperantistoj estas: ke ni devas agi ĉiam serioze kaj labori senĉese. Nur se ni faras tiele, ni atingos la venkon, t.e., ke Esperanto estu agnoskita kiel la sola solvo al la gravaj lingvaj problemoj.

*Intervjuis Velus.*

---




Deziras korespodi kun hispa(in)o pri diversaj temoj. Bonvolu skribi al: Georgette Peretti; 35,rue Paul Arene. F-83600 FREJUS. Francio.

Dekkvar persona Esperanto-Rondo "Verda Stelo", konsistanta el instruistoj, kuracistoj, oficistoj, ktp. deziras korespondi kun aliaj similaj kluboj pri temoj diversaj. Nepra respondo. Adreso: Esperanto Rondo "Verda Stelo"; Szkola Podstawowa Nr 2; ul.Kosciuszki 12 a. PL-83 130 PELPLIN. Pollando.

Deziras korespondi pri ĉiuj temoj pola inĝeniero, kiu interesiĝas pri la hispana vivo. Bonvolu skribi al jena adreso: Jeray Michalski ul.Poatowa 9.- 26-660 Jedlinsk. Pollando. (Polonia)

## LIBROSERVO DE HEF

De la 15-a de julio ĝis la 1-a de septembro, Libroservo ne funkcios pro somer-feriado de la prizorganto de la servo. La mendoj ricevotaj dum tiu periodo plenumiĝos post la 1-a de septembro.

★ **HEF: BONAJ SERVOJ** ★

# Atentu homoj, videblas ĵurnalisto!

Okaze de informa cirkulero pri kurso, dispoŝtita al amaskomunikiloj, ni ricevis diversajn reagojn. El ili, du fruktis al personaj kontaktoj kaj fine al tute malsamaj rezultoj:

Telefonis al la HEF-oficejo ĵurnalistino de ĉi-kvartala gazeto "Chamberí". Ni aranĝis renkontiĝon en la oficejo, kie dum preskaŭ unu horo ŝi registris per kasedilo, skribis per skribilo kaj demandis per sia buŝo... por poste ĉion fuŝi! Zorgajn kaj objektivajn informojn ŝi aliigis al kaĉo el miksitaj misoj, per tre malbona kastilia lingvo!
ŝi registris la judecon de Zamenhof... sed ŝi skribis, ke li estas germano.
Ŝi registris ke la oficejo ekzistas ekde komence de la 70aj jaroj, ke la sidejo de HEF regule aliurbiĝis post kelkaj jaroj, ke antaŭ unu jaro oni komencis modernigi la oficejon... sed ŝi skribis ke HEF vagadis ĉiujare de urbo al urbo kaj la oficejo ekzistas nur de antaŭ jaro.
Si registris ĝustan kaj objektivan priskribon pri la internacia movado... sed ŝi skribis ke la "landoj" kie estas plej da esperantistoj estas Afriko, Sudameriko, ktp.
Si registris klaran priparolon pri Pasporta Servo, sed ŝi skribis ke TEJO ofertas al siaj membroj senpagan restadon en eŭropaj junulargastejoj.
Ĉu indas reagi al tiomaj fuŝoj? Se oni afable petus de ŝi ĝustigon de la informoj, probable ŝi skribos ke HEF minacas denuncon... Do, fuŝulojn oni prefere simple ignoru. Ni ne plu donos informojn al ŝi; cetere, kiel ni rimarkis, estas amuze ke verŝajne oni povas labori kiel ĵurnalisto sen ĝusta regado de la kastilia.

Aliflanke, ni tre ĝojas ke ĵurnalistino kun kiu ni jam havis bonan kontakton okaze de intervjuo por revuo, telefonis reintervjui por malfrunokta junulara programo de Onda Madrid, kie ŝi nun laboras. Ŝi faris interesajn demandojn, kiujn oni telefone registris. Je la unua kaj duono, la 11an de marto, la radiostacio elsendis la rezulton, kiu estis tre alloga, profesinivela kaj objektiva raporto. Malfeliĉe, Onda Madrid ne estas tre au~skultata radiostacio en Madrido, sed iom post iom la kontaktoj kun la amaskomunikiloj oftiĝas kaj deciĝas. Tiun kontakton kun ŝi ni zorge flegados.

Do la konkludo estas, ke, sendepende de la ĝusteco kaj kvalito de la informoj donitaj de ni mem, ĉie ekzistas same fuŝemaj homoj kiuj malhelpe agas, kiel homoj kiuj konscie prenas sian laboron por oferti bonan kaj dignan servon al la socio. Sperto lernigas pri tio. Tiujn oni preteratentu, ĉi tiujn oni aliĝu.

*Marcos Cruz kaj Georgo Kamaĉo*

